# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 04/10/2018 Tricentnaŭdekkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj. Klaku ligojn por kapabligi la malfermon*** *(aŭ eble Ctrl+kluku ??)*

**PMEGramatiko** *reta-vortaro* **Freelang Vortaro* **Plena Ilustrita Vortaro*
** Esperanta Retradio** *Google Translate** *Pasintaj eldonoj**

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 729,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 383,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas 303,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas 43.200 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## GRAMATIKA SERIO "ĈU VI SCIIS?" N.ro 4 .



Do nepre memoru: **1e**. ke la diversaj sonoj nomiĝas literoj, **2e**. ke la homo kreis milojn da malsamaj kombinaĵoj de literoj, nomitaj vortoj, **3e**. ke tiuj miloj da kombinaĵoj indikas la milojn da eroj de la ĉirkaŭanta naturo, kiujn indikojn oni nomas signifoj, **4e**. ke la vortoj dividiĝas en dudekon da kategorioj, laŭ specialaj ecoj kaj funkcioj, **5e**. ke la homo kreis krome certajn manierojn por kombini la vortojn en tiel nomataj frazoj, kiuj frazoj reprezentas, montras, apartajn okazaĵojn en la mondo, **6e**. ke ĉiu frazo konsistas aŭ povas konsisti el kvar specoj de frazparto, laŭ la funkcioj, kaj ke **7e**. la frazpartoj nomiĝas, laŭ normala vicordo, la Subjekto, la Verbo (= Predikato), la Objekto, kaj la Adjektoj. Tiu normala vicordo estas deviga en etnaj lingvoj, sed en Esperanto oni povas kombini la kvar Frazpartojn en iu ajn vicordo. Tamen kutime la Esperantistoj uzas la normalan vicordon de la naturaj lingvoj.



*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Torquay Esperanto-Ekskurso

Dimanĉon la 21an de oktobro. Venu! Vidu AE 384on. Amike *Marumi Smith*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

https://www.maitlandriverlights.com.au/

Kontaktu:-Andrew

aspannenberg@iprimus.com.au

aŭ 0422 015 430

Venu! Subtenu Esperanton

amike, *Andrew Spannenberg*




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.



La 6a de oktobro estas la dua sabato. Bonaj kaj amikaj ĉeestantoj. Venu! *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Melburno







"En Melburno ni bonvenigis Esperantiston el Germanujo, Martina Sachs-Bockelmann kiu ferias en Aŭstralio dum monato. Ŝi estis en *Geraldton* dum du semajnoj kaj vizitis familianojn tie.

Hodiaŭ ŝi kunvenis kun 15 aliaj Esperantistoj ĉe la Esperanto *Meet-up* Grupo kiu kunvenas en la ACMI Cafe en *Federation Square*.

En la grupo estis 4 novaj kaj junaj lernantoj.

Martina vojaĝos al Sidnejo venontan Merkredon kaj restos tie dum 2 semajnoj. Espereble ankaŭ la sidnejanoj bonvenigos ŝin.



*Heather Heldzingen*



Marcel Martina

---

# El Adelajdo

Oni povus kredi, ke Sammy, ne mallongigo de Zamenhof, sed la nomo de mia eta kaj aminda terhundo, nun povus paroli kaj Esperanton kaj la danan, ĉar antaŭ nelonge li manĝis preskaŭ ĉiujn el miaj libroj, i.a. ankaŭ kelkajn Esperanto-vortarojn kaj alilingvajn vortarojn.

Sed ĉar li manĝis ankaŭ unu el miaj treege ŝatataj vortaroj, inter kiuj kelkaj Danaj Esperanto vortaroj kaj vortaroj Esperanto Dana, mi sentis min preskaŭ tute kaj komplete senhelpa dum iom da tempo.

Sed tiam, ĉar mi tro multe plendis pri tiu mia tre grava perdo, elstara esperantisto en la tuta mondo nome Trevor Steele, konsilis al mi ke mi turnu min al alia elstara esperantisto en la tuta mondo, nome Peter Weide. Tion mi do faris, kaj ne daŭris longe antaŭ ol la leterportisto alportis al mi grandan koverton kun “Esperanto Dansk Ordbog” kompilita de Preben Bagger, interne.



Sed ne nur tio. La grandega koverto enhavis ankaŭ ion pli gravan por la aŭstralia esperantistaro. En ĝi troviĝis ankaŭ malpli granda gramatiklibreto verkita de Peter Weide mem. Ĝi estas en Esperanto kaj la angla, ĉar Peter Weide mastras i.a. ankaŭ la anglan.

Atente leginte ĝin mi kuraĝas aserti, ke la leginto estos perfekta esperantisto. Kaj por amuzi la leginton, li aldonis du paĝojn da klarigoj kaj demandoj. Mi povas rekomendi ilin al ĉiu, kiu deziras fariĝi ne nur “Bonan Tagon Esperantisto” sed



perfekta esperantisto kiel Trevor Steele kaj Peter Weide. Se iu interesiĝas, jen lia retadreso: peter.weide@mail.dk Plej amike, *Bob Felby*



Viro loĝanta en Danlando, Peter Weide, eldonis en diversaj lingvoj -- inkluzive la anglan -- maldikan lernolibreton de Esperanto. Ĝi iom similas al la Ŝlosilo, sed kun pli da teksto.

Peter sendis al sia amiko Bob Felby ekzempleron kaj laŭ mia kompreno li volonte sendus al interesatoj ekzempleron. Pri ĝi Joy Davies skribis:

*My Little Esperanto grammar is one of the best such books I've seen.*



La retadreso de Peter Weide estas peter.weide@mail,dk

Amike, *Trevor Steele*



# helpo al Esperanto en Afriko




ĉu tiu bildo ne estas bonhumoriga? Ĉu vi povas diveni, kion ĝi montras? Temas pri lernantoj en *Benino*, kiuj ĝojas esti ricevintaj lernmaterialon por la ĵus komenciĝanta lerneja jaro. La bildon sendis al mi *François Housounou*, kiu estas la instruisto de tiuj infanoj. *François* faras bonegan laboron por doni al la junaj homoj edukon. I.a. li instruas Esperanton al la infanoj. Sed - preskaŭ memkompreneble - mankas mono. Pro tio unu el la retmesaĝoj de *François* ankaŭ priparolas la fakton, ke multaj infanoj en lia lernejo bedaŭrinde ne povas ricevi la necesajn instrumaterialojn. Mi mem subtenas *François* per monsendado dufoje jare. Mi sendas per *Western Union*, ĝis nun mi ĉiam ricevis konfirmon pri la bona alveno de la mono kaj raporton, por kio la subteno estas aŭ estos uzit/ata. Se vi, kara leganto, fartas sufiĉe bone por ankaŭ

povi subteni la laboron de *François*, ĉu per unufoja aŭ per regula donaco, ekzistas du ebloj: Vi estas bonvena sendi al *François Hounsounou* retmesaĝon ( hounfranc1@yahoo.com ) kaj kune kun li eltrovi, kiel kaj kiom vi povos kontribui al la bona evoluo de junuloj en *Benino*. *François* atentigas, ke eble iuj preferas skribi al mi ( peter.weide@mail.dk ) kaj sendi kontribuon al mi (kontoj en Germanujo kaj ĉe UEA) por tiel ŝpari la sendokostojn. Ankaŭ tio memkompreneble eblas.



Multaj gutoj kune povas fariĝi rivero. Imagu, kion bona instruado en Afriko signifas por ni ĉiuj. Amike*, Peter Weide*"

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# En mian ĝardenon venis kelkaj plantoj kun akraj dornoj, kiel kelkaj Esperantistoj.



**EK AL PERFEKTIĜO POR IGI ESPERANTON VENKI !**

Kelkfoje spertaj kaj konataj Esperantistoj diras al mi, kaj al aliaj, ke tute ne gravas se en Esperanto ni uzas vortojn kaj esprimojn kiuj ne sekvas logikan gramatikon sed estas multe uzataj kaj tial ĝuste komprenataj. Sed ĉu ili diras tion pri sia etna lingvo? Ĉu ili diras "Ne gravas ĉu mi uzas neperfektan gramatikon en mia gepatra lingvo se ni tiel komprenas unu la alian" ? Ĉu ili akceptas se mi diras "*She has leave*" anstataŭ "*She has left*" ? Ne, eĉ se mi diras la tute kompreneblan "*She has leaved*" tiuj neperfektemaj Esperantistoj korektos min. Kial ili ne akceptas neperfektecon en la etna lingvo, sed tamen akceptas neperfektecon en Esperanto? Se oni volas esprimi la Pasivan Voĉon per ekz. "Ne plu estas fiŝaĵo ĉar hieraŭ vespere la fiŝaĵo estis manĝata", oni diras ke oni ne finis manĝi la fiŝaĵon. Kaj se oni diras "La fiŝaĵo estis hieraŭ vespere manĝita" oni diras ke oni manĝis la fiŝaĵon antaŭ hieraŭ vespere. Verba pasivvoĉa ekvivalento de la aktivvoĉa "Ni manĝis la fiŝaĵon hieraŭ vespere" ne ekzistis en Esperanto (ankaŭ laŭ Kalocsay!), kaj plu ne ekzistas en Esperanto se oni ne uzas la formon "manĝatis". Ĉu la etna lingvo meritas perfektecon, sed Esperanto ne meritas perfektecon, do estas malpli grava kaj ĝusta ol etnaj lingvoj?

Ĉar la neperfekteco de la Esperanta Pasiva Voĉo baziĝas sur la tipe eŭroplingva formo, la eŭropaj Esperantistoj komprenas sian malĝustan formon kiel la ĝustan, sed ĉu Esperanto kreatis nur por eŭropanoj?

Por kontraŭi la supre menciitan neperfektemon de pluraj tre kleraj kaj spertaj Esperantistoj estas necesa, esti same rigida pri Esperanto kiel pri etnaj lingvoj. Tiu neceso havas kvar tialojn:

**1).** Kvankam por eŭropanoj pluraj malĝustaĵoj komprenatas ĝuste, tio ne estas la kazo por homoj kiuj ne lernintas eŭropan lingvon.

**2).** Same kiel en aliaj tiaj kazoj, Esperanto kapablas esprimi la ĝustan verban Pasivan Voĉon sen ŝanĝi la Fundamenton, nome per la uzo de la verba finaĵo "-ati" en kiu ni forigis, laŭ la malmulte konata regulo Zamenhof'a pri signiforedukto, la signiferon de tempo aŭ nefiniteco kaj retenis nur la signiferon de pasiveco.

**3).** Kiam ni prezentas, al la publiko, Esperanton kiel perfektan solvon de la lingvoproblemo parte pro ĝia perfekteco, ni ne deziras doni al kontraŭ-Esperantaj lingvistoj la ŝancon trovi erarojn en nia gramatiko.

**4).** Tiu perfektemo kontentigas niajn tialojn por lerni kaj dissemi nian genian lingvon.

*Marcel Leereveld*.

**ĈU MORTOFERI VIRINOJN ?**

Se oni malkondamnas ke la invadintoj en Irakon mortoferis mil senkulpajn civitanojn por "plibonigi" la vivon de la cetera popolo, oni same malkondamnas ke la aztekoj mortoferis junajn virinojn por forturni malbonan ŝancon por la cetera popolo. Ĉu la homaro pliboniĝis en la lastaj kelkaj jarmiloj? Aŭ almenaŭ: ĉu la ŝtatestroj de Usono, Britujo, kaj Aŭstralio pliboniĝis? *M. L.*

**RESPONDO AL ŜANDORO (ŜAJN-D'ORO?)** : Dankon pro la ŝercoj! *M. L.*

**KION FARI KONTRAŬ MILITOJ ?**

Antaŭ kelkaj monatoj mi petis al legantoj, doni siajn ideojn pri kiel krei mondon sen militoj. Nur unu persono respondis, kaj ne esperplene. Tiu nerespondado estas komprenebla ĉar la tasko ŝajnas, kaj eble estas, tiom giganta ke ne valoras elverki solvon. La tasko estas kvazaŭ oni volas movi Everestmonton al Australio. Sed se oni observas la agadon de kelkaj insektoj, oni konstatas, ke ili sukcesas "movi montojn" neatendite, sed per amaso da agantoj de tiaj insektoj kaj per grandega persistemo. Ekzemple la termitoj kaj la vespoj. Ankaŭ pro tio kelkaj sciencistoj antaŭvidas, ke en fora estonteco la insektoj aŭ la bakterioj regos la mondon anstataŭ la homaro.

Mi do konkludas, ke ni nun kapablas "movi montojn" kaj forigi militojn, nur per grandaj amasoj da homoj kaj per granda persistemo. Do ke valoras peni efektivigi tiujn du kondiĉojn, decidante ne esti pesimismaj kaj malkuraĝaj. Tio necesigas fortan volon kaj tempon por eviti militojn, por eviti grandajn suferojn ĉirkaŭ ni kaj en aliaj partoj de la mondo. La promilita suferegado estas jam, aŭ ankoraŭ, grandskala, kaj ni povis eviti ĝin, sed ne por ĉiam. Niaj gefiloj kaj genepoj bezonas nian helpon por ne suferadi. Ni komencu per la studado kiel eviti velkadon de niaj celoj, kio tiom ofte okazis en la pasinteco. Certe la evitado de tia velkado estos giganta tasko, sed ebla. Do ekzemple kion fari por eviti kio okazis post la rusa revolucio, en kiu la idealoj ŝanĝiĝis al politika diktatoreco ate de la komunista politika partio ?

*Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Verda Reto 绿网 konu ĉinion per esperanto 让老外通过世界语了解中国

## Esperanto, lingvo ne facila por ĉinoj

de Solis | 2016-10-27

3 Komentoj vidu http://reto.cn/php/esperanto/esperanto-lingvo-ne-facila-por-cinoj

# Por ĉinoj, ĉu Esperanto estas pli facila ol aliaj fremdaj lingvo?

## Jes, almenaŭ ĝi estas multe pli facila ol la angla.

**Sed** por ĉinoj, ĉu Esperanto estas facila? Ne! Por ĉinoj, ĝi ne estas facila lingvo, kaj eĉ oni povas konstati, ke ĝi estas malfacila lingvo.

Oni ofte legas, ke Eŭropano ekparolas flue en Esperanto post lernado de nur kelkaj monatoj. Sed tia ekzemplo estas sen-signifa por ĉinoj. Multaj ĉinaj lernantoj ne kapablas flue paroli Esperante eĉ post lernado dum pli ol 10 jaroj!

Kial estas tia afero? Ĉu ĉinoj estas pli maldiligentaj aŭ pli mallertaj ol eŭropanoj je la lernado? Certe ne! Por eŭropanoj, Esperanto estas nur varianto de sia gepatra lingvo, sed por ĉinoj, ĝi estas tute nova fremda lingvo!

La prononco kaj gramatiko de Esperanto estas regulaj, kaj la ne-norma prononco kaj eraroj en la gramatiko fakte ne serioze influas la komunikadon per Esperanto. Por ĉinaj lernantoj, la plej malfacila punkto estas la vortoj, la 2500 bazaj vortoj, kiuj estas tute fremdaj por ĉinoj.

Sed tio ne estas problemo por eŭropanoj, kiuj konas grandparton de tiuj vortoj sen lernado.

Eble iuj malkaŝe ridas: ĉinoj eĉ ne kapablas memori tiom da vortoj? Sed pensu, kiom da eŭropaj plen-kreskuloj povas memori 2500 ĉinajn ideografiaĵojn, kiom jam sufiĉas por kompreni ĉinajn ĵurnalojn kaj gazetojn? Por plejparte de plen-kreskuloj, ekster la reala lingva ĉirkaŭaĵo, lerni tute novan lingvon estas ege malfacila!

**Estas klare, ke la kvanto de la vortoj estas obstaklo, kiun ĉinaj lernantoj devas konkeri.**

Sed estas domaĝa, aŭ pli rekte dirite, estas abomeninda, ke eŭropaj esperantistoj ankoraŭ daŭre aldonas novajn vortojn ne-necesajn al Esperanto. Forlasinte vortojn longajn, sed facile memoreblajn, eŭropanoj aldonas vortojn mallongajn, sed tute fremdajn por ne-eŭropanoj, ekzemple, malrapida kaj lanta, maldiligenta kaj pigra, malnova kaj olda, ktp. **Tio pli-malfaciligas Esperanton**, kaj for-timigas la novajn lernantojn, kio fakte helpas la kontraŭstarantojn de Esperanto. aŭtoro: *Solis (Liu Xiaozhe) el Ĉinio*

Vidu 3 bonajn komentojn. http://reto.cn/php/esperanto/esperanto-lingvo-ne-facila-por-cinoj

Kategorio: Ĉinio Esperanto lerni Senkategoria



# El Perto

## Kia ironio :)

Skribis al mi lastan semajnon samideano el la sudorienta Ŝtato (ne la Pomo-Insulo sed tiu iomete pli norde): "Mi intencas eskapi la piedpilko-frenezon en Melburno ĉi semajnfinon, do mi venos al Perth; ĉu vi kaj Barrie ŝatus lunĉi kun mi?"

Kompreneble mia edzo kaj mi treege ŝatis lunĉi kun Sandor Monostori.

Sed eskapi la piedpilko-frenezon? Apenaŭ eblis, ĉar la *Okcident-Marbordaj Agloj* batalis la melburnajn *Pigojn (Collingwood)*, kaj....venkis! Ho la gaja aklamo dum la ludo, kaj la ĝojego je la fina venko - kiu okazis ĝuste kiam ni atingis nian hejmon kaj, kvankam kutime tute sen intereso en tiuj distraĵoj, ni ne povis rezisti la tenton alklaki la televidilon...

Tamen por Barrie kaj Vera, la senĉesa babilado kun Sandor pri diversaj temoj (neniu el ili sporto!) elstare ĝojigis nin. Sandor vespermanĝis kun aliaj geamikoj; sendube la parolado iomete inkluzivis la temon koncerne la kolorojn bluo kaj oro kontraŭ nigro kaj blanko... *Vera Payne*



BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby



## Ĉapitro 17 Unu lastan fojon en malsanulejo, kaj Esperanto ekfloras en Adelajdo Unua ero

Feliĉe oni serĉis malsanulejan portiston en la "*Children's Hospital*" en Adelajdo, t.e. porinfana malsanulejo. Pensis mi, jen ankoraŭ unu fojon en malsanulejo. Malsanulejoj estas relative puraj, senbruaj, klimatizataj ktp. Kaj kvankam estas tie multaj flegistinoj, kiuj konsideras sin reĝinoj, mi tamen petos tiun laboron.

Kaj vere, oni dungis min, eble ĉar mi parolas la anglan lingvon iomete pli bone ol ili !

La laboro estis bonega, kvankam la diversaj fakoj en la malsanulejo ne estis tre grandaj, ĉar la malsanulejo estis tiam privata, kaj do ne havis sufiĉe da mono. Sed ni estis tie proksimume 30 portistoj, kaj tio kostas ja multe da mono, ĉu ne ?

Ni esperantistoj komencis regule kunveni en iu infanĝardeno. Tio ne estis tro malbona, eta problemo estis, ke la seĝoj estis tro malgrandaj por ni. Sed ni sukcesis trovi seĝojn ankaŭ por plenkreskuloj. Tie ni instruis kaj kunvenis, kaj la loka registaro pagis ĉion. Ni pasigis plurajn bonegajn Zamenhofvesperojn tie.

Kelkajn jarojn poste la registaro transprenis la malsanulejon, kaj ekde tiam ĝi estas publika malsanulejo. Pli poste oni ŝanĝis ĝian nomon al "*Women and Children's Hospital*" t.e. malsanulejo por virinoj kaj infanoj, sed tiam mi ne plu laboris tie. Tiam mi laboris nenie !

Oni komencis konstrui pli grandajn konstruaĵojn, kaj ĝenerale oni plimodernigis ĉion. Oni komencis maldungi necesajn laboristojn kaj dungi superfluajn estrojn. Oni maldungis la purigistinojn, kaj devigis la portistojn purigi. Oni vidis la malpuran manon de la registaro ĉie, ĉu ne?

Intertempe venis Charles Stevenson al niaj kunvenoj. Li estis kvakero, kaj proponis al ni la "*Friends's Meeting House*", t.e. la kvakerejo, en Nordadelajdo. Tie ni restis multajn jarojn tute senpage, ĉar la kvakeroj, kiel ankaŭ la bahaanoj, simpatias kun la esperantistoj.

Multajn jarojn ni restis en la kvakerejo, kaj ĉio estis bonega. Interesiĝis pri Esperanto Makso Wearing, kiu baldaŭ transprenis la gvidadon de la grupo. Forlasis nin George Clarke, kaj aliĝis Peter Ellyard, kiu tamen ne restis tre longe, ĉar li transloĝiĝis al Melburno.

Venis Indrani Beharry-Lall, kiu transprenis la kasistan laboron, kaj ĝis nun ankoraŭ havas ĝin. Ni estis subite granda grupo da esperantistoj, kiuj povas fari ion pozitivan.

Okazis kongreso en Perto, kaj mi aliĝis al la kongreso. Mi provis persvadi Makson, sed li ne tre interesiĝis. Tamen, kiam mi alvenis al Perto, tie staris Makso. Li tamen iris tien !

Iom post la perta kongreso mortis Thea van den Boogaard. Grandega perdo por ni. Ni pasigis multajn vesperojn en ŝia hejmo Esperanton parolante, trinkante kaj manĝante, ne ! ni ne trinkis kaj manĝis Esperanton, sed bongustaĵojn !

Tiam komencis Makso plani somerkursarojn kaj kongresojn ankaŭ en Adelajdo. Jaron post jaro ili do okazis ĉi tie, kaj venis multaj gesamideanoj el tuta Aŭstralio. Venis ankaŭ multaj el eksterlando, instruistoj kaj lernemuloj.

*Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




# El Brisbano

Foto montras min plendante al S-ro Gorilo de la " Plendo-Departemento" dum la Toowoomba Floro Festivalo, kial nur malmultaj personoj lernas la mirindan universalan lingvon?

Li respondis ke ne ĉiuj Esperantistoj kredas same pri la vizio de Dr-o Zamenhof.

Ho ve!

*Peter Danzer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Uzu Esperanto-literojn Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ**

**AE uzas http://www.typeit.org/app/?lang=esperanto&side**